21ª Jaro - Nº 5 (219) Jara Kotiz-Abono Fr. 30,— Majo 1935

# BELGA ★ ESPERANTISTO

Fondita en 1908ª

Oficiala Organo de Belga Ligo Esperantista

DIREKTORO
Maur. JAUMOTTE
44, Avenuo De Bruyn
Wilrijck-Antverpeno
(Tel. 777,58)

Poŝtĉeko de la LIGO: Nº 1337.67 (Wilrijck)
Por anoncoj: H. PÉTIAU, St. Lievenslaan, 60, Gento

Aliĝu tuj!

# La XXIV-a Belga Kongreso en Bruĝo

## Belga Ligo Esperantista

Estimataj Geliganoj,

Ni havas la honoron inviti vin por ĉeesti la Ĝeneralan Kunvenon de «Belga Ligo Esperantista», kiu okazos en Bruĝo, dimanĉon 9an de Junio proksima, je la 11a matene.

TAGORDO:

1. Malferma alparolo de la Liga Prezidanto.
2. Raporto de la Ĝenerala Sekretario.
3. Raporto de la Kasisto.
4. U.E.A. agado en 1934. Raporto de la Ĉef-delegito.
5. 27a Universala Kongreso en Romo.
6. Nia estonta agado. Organizo de la Liga laboro
7. Diversaj komunikaĵoj.

Ni faras varman alvokon al ĉiuj niaj Gesamideanoj por ke ili ĉeestu multnombraj nian jaran kunvenon kaj profitu la okazon por viziti la belajn urbojn Bruĝon kaj Ostendon kaj partopreni la belajn ekskursojn sur la marbordo.

Por ebligi bonan organizadon de la kongreso, ni insiste petas, ke oni tuj aliĝu!

Esperante grandan ĉeestantaron, ni prezentas al vi la esprimon de niaj plej sindonemaj sentoj.

Je l'nomo de « Belga Ligo Esperantista »:

La Ĝenerala Sekretario, Henri Petiau.

La Prezidanto, D-ro Paul Kempeneers.

## XXIV-a Belga Esperanto-Kongreso

*9-a INFORMBULTENO.*

Kunvokiloj kun aliĝiloj estas nuntempe dissendataj al ĉiuj konataj esperantistoj enlandaj kaj eĉ al multaj eksterlandaj. Kiu hazarde ne ricevus, kaj grupestroj, kiuj deziras pliajn kvantojn, mendu al la kongresa adreso:

*Wijnzakstraat, 4, rue de l'Outre, Bruĝo.*

**Helpu la organizantojn per frua aliĝo**

**Ne prokrastu! Faru tuj!**

### PROGRAMO

SABATON, 8-an de Junio:

14.00 h. *Malfermo de la akceptejo* en Hotelo « Gouden Hoorn — Cornet d'Or », placo Simon Stevin, 2, Sidejo de B.G.E.

15.00 h. *Ekzamenoj pri profesora kapableco* en la ŝtata Mezgrada Lernejo por Knaboj, Boomgaardstraat, rue du Verger. — (Kandidatoj sendu sian enskribon al la Ĝen. Sekr. de B.L.E. kaj la ekzamenkotizon (50 fr.) al poŝtĉekkonto N-ro 1337.67 B.L.E. Wilrijck.

— Libervola vizito de la urbo: konsilindaj vizitoj al Urba Muzeo de Pentraĵoj, kaj supreniro de la Halturo, vidu: « Rabatoj » ĉi-poste.

19.30 h. *Laborkunsido de Belga Ligo Esperantista*, en salonego de « Gouden Hoorn — Cornet d'Or ».

21.00 h. Sur la Granda Placo: *Koncerto* de Esp. arioj per la fama sonorilaro de la Bruĝa Belfrido. Sonorilaristo: S-ro Toon Nauwelaerts.

22.00 h. *Intima kaj interkonatiĝa dancvespero.* (Ejo indikota pli malfrue.)

DIMANĈON, 9-an de Junio:

9.00 h. Por la katolikoj: *Diservo* en la Baziliko de la Sankta Sango, (Burga Placo) kun prediko en Esp. kaj elmontro de la riĉega Sankta Relikvo.

*OFICIALA PARTO:*

9.45 h. Kunveno sur la Burga Placo, antaŭ la urbdomo.

10.00 h. *Oficiala akcepto* en la Urbdomo.

10.45 h. *Vizito al la Monumento de la Militmortintoj*, Kartuizerinnenstraat, rue des Chartreuses. Flordemeto.

11.00 h. *Fotografado* sur la ŝtuparo de la Provinca Palaco, Granda Placo.

11.30 h. *Kongresa Kunsido. — Ĝenerala Kunveno de Belga Ligo Esp.*, en la granda salonego de la kinematografejo « Oud Brugge — Vieux Bruges », Steenstraat, rue des Pierres.

13.30 h. *Festeno* en la salonego de la hotelo « Gouden Hoorn — Cornet d'Or », placo Simon Stevin, 2.

17.00 h. *Kunveno de U.E.A., Belga Teritorio*, en la malnova kafejo « Vlissinghe » ĉe S-ano V. Jehansart, Bleekersstraat, 2, rue des Blanchisseurs.

— Je la sama horo: *Vizito al la tombo de S-ro A. J.*

*Witteryck*, la karmemora Prezidinto de B.L.E. (Urba Tombejo de Bruĝo, Steenbrugge, Tramo N-ro 2.)
— *Konsilindaj promenadoj*: Supreniro de la Halturo (vidu « Rabatoj »).
— Boata promenado sur la pentrindaj kanaletoj, enboatiĝo: je la angulo de la Fiŝvendejo, malantaŭ la Urbdomo.

20.30 h. *Teatra festo*, organizata de la Teatra Sekcio de B.G.E. en la salonego « Muntpaleis — Palais de la Monnaie », sur la samnoma placo. — Ludado de « NUBETOJ », unuakta komedieto de Lucette Faes-Janssens.
Poste: *GRANDIOZA BALO* kun bonega orkestro (ĝis la 3-a). Specialaj kant- kaj dancnumeroj. Kotiljonoj. Malvarma bufedo.

LUNDON, 10-an de Junio:

9.00 h. sur la Granda Placo — *Foriro al Ostendo* per luksaj aŭtoĉaroj.
9.30 h. Alveno en Ostendo. — *Vizito de la fama « Termopalaco »*. Direktoro S-ano Profesoro Gunsburg.
10.30 h. *Vojaĝo aŭtoĉare de Ostende al Knocke-Zoute*, laŭ la plej pentrinda parto de la Belga Marbordo.
11.30 h. Alveno en Knocke. — Vizito de la marbordo. — Ebleco de banado.
14.00 h. *Komuna tagmanĝo* en Hotelo « Majestic », Mardigo, Knocke-Zoute.
15.30 h. *Paroladeto* de S-ro Paul Nyssens, Direktoro de la Instituto por Homa Kulturo en Bruselo. Temo: « Kiel ni povas pligrandigi nian influon sur la homoj kaj sur la amasoj ».
Sekvataj de praktikaj frenologiaj esploroj.
Poste: *Libervolaj promenadoj* kaj amuzaĵoj.

Ek de la 18-a h. Revojaĝo aŭtoĉare al Bruĝo, Stacidomo. Tie disiĝo.

### Gravaj Sciigoj.

KOSTOJ: Aliĝo, kongreskarto . . . . . . . . Fr. 15,—
(post la 25-a de majo: 20 fr.)
Dimanĉa festeno (trinkmono enkalkulita) Fr. 20,—
Aŭtoĉara vojaĝo: Bruĝo-Ostendo-Knocke kaj ree al Bruĝo, vizito « Termopalaco» enkalkulita) . . . . . . . . . . . Fr. 16,—
Lunda tagmanĝo (trinkmono enkalk.) . Fr. 16,—

RABATOJ: Belgaj Fervojoj kaj Marŝipoj Dover-Ostende: 35 %. Urba Muzeo de Pentraĵoj, Bruĝo, (Groeninghe-strato, proksime de la placo S. Stevin). Enirprezo: 5 fr. por *grupo* de 20 personoj. 10 fr. por *grupo* de pli ol 20 personoj. (Maksimume: 50 pers.) Halturo, Granda Placo: fr. 0,20 po persono.

LOĜADO: Oni sin turnu senpere al la kongresa vicprezidanto: S-ro Edouard VERBEKE, Hotelo « Gouden Hoorn — Cornet d'Or », placo Simon Stevin 2, Bruĝo, kiu lokigos la kongresanojn en la — laŭ montritaj preferoj — plej taŭgaj hoteloj. *Antaŭpago* NE estas postulata.
Diversaj prezoj:
Ĉambro por 1 persono: Fr. 12, 12,50, 15, 16, 18, 20, 25, 30, 35.
Ĉambro kun 2 litoj, ambaŭ por 1 persono: Fr. 20, 25, 30, 32, 35, 36, 40, 45, 60, 65.
Ĉambro kun 1 lito por 2 personoj: Fr. 15, 20, 25, 30, 35, 40, 50.
Ĉambro kun 2 litoj, ambaŭ por 2 personoj: Fr. 20, 30, 35, 45, 50, 60, 75.
Matenmanĝo: Fr. 3,50, 4, 5, 7, 8 (laŭ hotelo).
Servado: 10 %. Imposta takso: 1 fr. tage.

N.-B. — Ĉiuj prezoj estas fiksitaj de antaŭ la malpliigo de la monvaluto; la L.K.K. penos ilin konservi senŝanĝe, sed ne povas tion garantii.

FLAGOJ: Pro propaganda celo, la L.K.K. insiste petas ke la grupoj kunportu siajn flagojn.

*Sesa listo de Kongresanoj.*

61. S-ro G. Vermandere, Antverpeno.
62. S-ino G. Vermandere, Antverpeno.
63. S-ro Victor Huyghe, Bruĝo.
64. S-ino Maria Huyghe, Bruĝo.
65. F-ino Marguerite Huyghe, Bruĝo.
66. S-ro Jos. Tanghe, Assebroek.
67. S-ino V-ino A. J. Witteryck, Steenbrugge.
68. S-ino Lena Seghers-Witteryck, Steenbrugge.
69. F-ino Maria Jacobs, Antverpeno (Borgerhout).
70. F-ino Julia Dubois, Antverpeno (Berchem).
71. F-ino Helena Hofkens, Antverpeno.
72. F-ino Mathilda Hofkens, Antverpeno.
73. S-ro Edgard De Coster, Antverpeno.
74. S-ro Michel van Rijssel, Antverpeno (Wilrijck).
75. S-ro René Geerinck, St-Niklaas.

**Ĉu VIA nomo jam aperis tie-ĉi?**

**Se ne, ESTAS NUN TEMPO, ke vi sendu 15 fr. al la PĈK 1119.10 de "XXIV-a Belga Kongreso de Esperanto, Bruĝo".**

***POST LA 25-a DE MAJO ESTOS 20 FR.***

## La Gazetaro parolas...

**Redaktas: H. A. R. S.**

Sub tiu ĉi rubriko ni regule mencias la interesajn novaĵojn propagandajn kaj movadajn, el la internacia esp-o-gazetaro.

— SUR POSTENO — La 2a internacia IPE-Kongreso okazos en Antverpeno, de la 10a ĝis la 15a de Aŭgusto 1935. La Kongresa Komitato jam denun penas por ke la Kongreso bone sukcesu.

— AŬSTRIA ESPERANTISTO — La Aŭstria Esperanto-Asocio komencis senbrue novan agadon por disvastigi Esperanton en Aŭstrujo. Diversaj novaj kursoj komenciĝis.

— KRISTANA GAZETO — En Rotterdam 78 policistoj lernas Esperanton.

— La Nederlanda Asocio de Instruistoj, dum sia lasta ĝenerala kunveno en Alkmaar, voĉdonis favore al Esperanto; demandante la enkondukon de Esp-o en la studomaterialon de la mezgradaj lernejoj, kaj la devigan konon por la instruistekzamenoj.

### Novaĵoj.

*— LA SPERTO — sendependa monata organo; 4 pĝ.; 36,5×27,5 cm.; administracio: Tronkweg-Makassar Selebes — Indonesia. D.E.I. Nederlanda Hindujo.*

Ni ĝojas pro la apero de tiu ĉi nova revuo en tiu malproksima lando. Bedaŭrinde la presejo ne disponas pri supersignitaj literoj.

*— BULTENO DE LA XIIIa INTERNACIA TENDARO DE LA SKOLTA ESPERANTISTA LIGO.* — La bele eldonita 8-paĝa bulteno jam nun igas nin fidi je la brila sukceso de la venonta SEL-tendaro, kiu okazos 11-24 julio en Spala (Pollando).

# LITERATURO

## Blovas vento de la maro.

Blovas vento de la maro,
Blovas vent' de l' Okcident' ;
Klinas trunkojn en l'arbaro,
Puŝas, svingas nun la vent'.

Bruon faras foliaĵo,
Ondetiĝas riveret' ;
En moviĝa arbetaĵo
Kaŝas sin nun la bestet'.

Pasas nuboj, densaj, grizaj,
En rapida konkurad'.
Alte birdoj, punktoj nigraj,
Luktas en aerkirlad'.

Sur la vojo, kun penado,
Marŝas kontraŭ fort' de l' vent'
Viro, vestoj en flirtado,
En senbrida element'.

Blovas vento sur la maro,
Skuas ŝipon la venteg'.
Laboradas maristaro
Vane. Venkas la ondeg'.

Tuŝis klifon jam la kilo
Kaj vagadas la ŝipet'
Nun sen mast', sen direktilo...
Dum ni dormas en kviet'.

Jules ALOFS.

## VICTOR HUGO

*Ĝuste 50 jaroj forpasis de kiam en 1885 mortis la granda franca verkisto.*

Tiu ĉi naskiĝis en 1802, en Besançon (Francujo). Li akompanis sian patron kiu estis Imperia Generalo, al Italujo kaj Hispanujo, ekde sia infanaĝo. La senfinaj belecoj de ambaŭ tiuj landoj ege ravis lin kaj certe havis grandan influon sur lia posta imagpovo kiu vere iĝis mondfama. Dekunujara, li revenis Parizon, kie lin zorge edukis lia patrino. Tre juna li edziĝis, ankaŭ tre juna li konis la gloron kaj famon.

Liaj unuaj « junecaj » poeziaĵoj plaĉis al Chateaubriand, kiu lin protektis, gvidis kaj konsilis, ĝis kiam li post mallonga tempo superis siajn samtempulojn, Th. Gautier, Sainte-Beuve, k.a.

Kiel laŭreato en la Floraj Ludoj de Toulouse, li debutis per « Cromwell », neludebla dramo, sed en kies antaŭparolo (Préface de Cromwell) li klare difinis siajn literaturajn emojn.

De 1827a ĝis 1843a li estas la gvidanto, la ĉefo de la « Romantika Skolo », kaj abunde verkas. Ne utilus enlistigi ĉi tie ĉiujn verkojn liajn; ni nur menciu lian romanon « Notre-Dame-de-Paris » (1831).

Post la malsukceso de la « Burgraves » (1843) kaj la morto de sia filino, li sin ekokupas pri la respublika politiko. Ekzilite de Louis-Napoléon, li verkas siajn satirplenajn « Châtiments » kaj « Légende des Siècles ». Ankoraŭ en 1862a li skribis sian romanon « Les Misérables », tradukitan en Esperanton.

Reveninte al Francujo en 1870a, li tie ankoraŭ vivis dum 15 jaroj. Lia enterigo estis vera naciceremonia okazaĵo, inda apoteozo de tiu plena vivo. H. SIELENS.

**Ĉi sube ni represas la unuajn paĝojn, tiel pentrindajn, de la ĉapitro unua de la libro unua el « Notre Dame de Paris » :**

## La Grandsalono.

Pasis hodiaŭ ĝuste tricent kvardekok jaroj, ses monatoj kaj deknaŭ tagoj, de kiam la Parizanoj ekvekiĝis pro la bruo de ĉiuj sonoriloj plenbalanciĝintaj en la triobla ĉirkaŭlimo de la Civito, de la Universitato kaj de la Urbo.

Tamen ne estas tago pri kiu la Historio konservis la memoron, tiu 6a de Januaro 1482. Neniel notinda efektive estis la okazaĵo, kiu tiel, jam de l' mateno, ekmovigis la sonorilojn kaj la burĝojn de Parizo. Temis nek pri atako de pikardoj aŭ de burgundianoj, nek pri relikvujo procesie portata, nek pri la eniro de *la nia tre timita moŝto sinjoro la reĝo*, nek eĉ pri bela pendigo de ŝtelistoj kaj ŝtelistinoj en la Juĝejo de Parizo. Ankaŭ ne estis la subita alveno tiom ofta en la dekkvina jarcento de iu delegitaro per ornamoj kaj plumfaskoj kovrita. Apenaŭ du tagoj forpasis de kiam la lasta tia kavalkado, tiu ĉi de la flandraj ambasadoroj, venintaj por aranĝi la geedziĝon de la heredprinco kaj Margareto de Flandrujo, eniradis Parizon, por la granda enuo de S-ro la Kardinalo de Burbono, kiu, por plaĉi al la Reĝo, estis devigata gajmiene akcepti tiun vilaĝanan amason de flandraj urbestroj kaj amuzigi ilin, en la hotelo de Burbono, per *multe bela alegorio, burleskaĵo kaj farso*, dum pluvego malsekigis ĉe la pordo liajn belegajn tapiŝojn.

Kio la 6an de Januaro, *ekscitigis la tutan popolaĉon de Parizo*, kiel diras Jean de Troyes, estis la duobla solenaĵo, kunigita de nememorebla tempo, de la tago de la Reĝoj kaj de la Festo de la Burleskuloj.

Tiun ĉi tagon, devis okazi Fajrfesto sur la Riverbordo ; plantado de Majarbo en la preĝejeto de Braque kaj Misterludo en la Juĝejo. La kria sciigo estis la antaŭan tagon farita kun trompetsonorado, en la stratkruciĝoj, de la viroj de S-ro Provosto, en belaj jaketoj de violkolora kamloto, kun grandaj blankaj krucoj sur la brusto.

La amaso de la burĝoj kaj burĝinoj alpaŝadis do de ĉiuflanke jam de l' mateno, dum la domoj kaj butikoj estis ŝlositaj, al unu el la tri indikitaj lokoj. Ĉiu estis elektinta, tiu ĉi la Ĝojfajron, tiu la Majarbon, tiu alia la Misterludon. Ni devas konfesi, je l'honoro de la antikva kaj natura saĝo de la Parizaj promenuloj, ke la plej granda parto de tiu amaso promenadis al la Fajrfesto, kiu estis tute laŭsezone, aŭ al la Misterludo, kiu devis esti prezentata en la Grandsalono de la Juĝejo, bone tegmentita kaj fermita, kaj ke la kuriozemuloj akord-

iĝis por lasi la malfeliĉan, malmulte per floroj ornamitan Majarbon frostotremi tutsola sub la Januarĉielo, en la tombejo de la preĝejeto de Braque.

La popolo precipe alfluis en la avenuojn de Juĝejo, ĉar oni sciis ke la flandraj ambasadoroj, alvenintaj du tagojn antaŭe, intencis ĉeesti la reprezentadon de la Misterludo kaj la elekton de la Burleska Papo, kiu ankaŭ devis okazi en la Grandsalono.

Ne estis facila afero, eniri tiun tagon la Grandsalonon, kiun oni tamen tiam konsideris kiel la plej grandan tegmentitan ejon de la tuta mondo. (Vere estas ke Sauval ne jam estis mezurinta la grandan salonon de la Kastelo de Montargis.) La Juĝeja Placo, obstrukcigita de la popolo, ŝajnis al la kuriozemuloj ĉe la fenestroj, kiel maro, en kiun kvin aŭ ses stratoj, kvazaŭ samnombra enfluaro de riveregoj, elvomis ĉiumomente novajn kap-ondegojn. La ŝveloj de tiu ĉiam pligrandiĝinta amaso, estis ekpuŝitaj kontraŭ la angulojn de la domoj, kiuj en diversaj lokoj, kiel tiom da promontoroj, elstaras en la neregula baseno de la placo. Meze de la alta gotika fasado de la Juĝejo, la granda ŝtuparo estis senĉese suprenirita kaj malsuprenirita de duobla fluo, kiu frakasiĝis sur la meza perono kaj elversiĝis en larĝaj ondegoj sur la du flankaj deklivojn; kaj tiu ĉi ŝtuparo, mi diras, senĉese fluegadis sur la placon kiel akvofalo en lagon. La krioj, la ridoj, la frapado de tiuj mil piedoj faris grandan bruon kaj tumulton. De temp' al tempo, tiu tumulto kaj tiu bruo pligrandiĝis ,la fluo, kiu puŝis tiun popolamason al la granda ŝtuparo, retroiris, konfuziĝis kaj kirliĝis. Estis batpuŝo de arkisto aŭ la ĉevalo de serĝento de la Provostejo, kiu hufobatis por restarigi la publikan ordon ; admirinda tradicio kiun la Provosteco postlasis al la konestableco, la konestableco al la ĝendarmaro kaj la ĝendarmaro al la policistaro de Parizo.

Ĉe la pordoj, la fenestroj, la tegmenttruoj kaj sur la tegmentoj mem, svarmis miloj da bonaj burĝaj vizaĝoj, kvietaj kaj honestaj, rigardantaj la juĝejon, rigardantan la amason kaj nenion plie demandantaj. Ĉar multaj homoj en Parizo kontentiĝas pri la vidado de la videmuloj, kaj estas por ni jam io vere kurioza, muro malantaŭ kiu io okazas.

Se povus esti permesata al ni, homoj de 1830, miksi nin per la penso kun tiuj Parizanoj de la Dekkvina jarcento kaj kun ili eniri, tiritaj, puŝitaj, renversitaj, en tiun grandegan salonon de la Juĝejo tiom malgrandan tiun 6an de Januaro 1482, la vidaĵo ne estus sen intereso nek sen ĉarmo, kaj ni havus ĉirkaŭ ni nur aferojn tiom malnovajn, ke ili al ni ŝajnus tute novaj.

Se la leganto konsentas, ni klopodos retrovi per la penso, la impreson, kiun li estus havinta kun ni, transpasante la sojlon de tiu grandsalono meze de la amasego kun surjupo, kun toljaketoj kaj fortmaŝa tuniko.

Kaj unue, zumado en la oreloj, kaj blindiĝo por la okuloj. Super niaj kapoj, duobla ogiva arkaĵo, panelita per lignaj skulptaĵoj, lazure pentrita kun oraj lilifloroj ; sub niaj piedoj marmorpavimo, alterne blanka kaj nigra. Je kelkaj paŝoj de ni, forta kolono, kaj ankoraŭ alia, kaj ankoraŭ plia ; entute sep kolonoj laŭ la longeco de la salonego kaj kiuj subtenas meze de sia larĝeco ,la arkfinojn de la duobla volbo. Ĉirkaŭ la kvar unuaj kolonoj, butikaj budoj, brilegantaj pro la vitraĵaj kaj ferfolietaj falsjuveletoj ; ĉirkaŭ la tri lastaj, kverklignaj benkoj, eluzitaj kaj poluritaj per la duonpantalonoj de la procesantoj kaj per la talaro de la prokuroroj. Ĉirkaŭ la salono ,laŭlonge de la alta muregο, inter la pordoj, inter la fenestroj, inter la kolonoj, la senfina vico de la statuoj de ĉiuj reĝoj de Francujo komence de Faramundo ; la mallaboremaj reĝoj, kun la brakoj pendantaj kaj la okuloj mallevitaj ; la reĝoj kuraĝaj kaj batalemaj, kun la kapo kaj la brakoj sentime levitaj al la ĉielo. Kaj, ĉe la longaj ogivaj fenestroj, vitraĵoj kun mil koloroj ; ĉe la larĝaj elirejoj de la salono, riĉaj pordoj, delikate skulptitaj; kaj la tuto: volboj, kolonoj, muregoj, kadraĵoj, paneloj, pordoj, statuoj, kovrita de supre ĝis malsupre per belega blua kaj ora kolorigaĵo, kiu jam iomete velkita je l'epoko, kiam ni ĝin vidas, preskaŭ entute malaperis sub la polvo kaj la araneaĵoj en la kristana jaro 1549, kiam du Breul ĝin ankoraŭ admiris pro tradicio.

Oni sin reprezentu nun tiun grandegan longforman salonon, invaditan de mikskolora kaj bruema aro, kiu drivas laŭlonge de la muroj kaj turniĝadas ĉirkaŭ la sep kolonoj kaj oni havos jam ideon malklaran pri la ĝenerala aspekto de la vidaĵo, kies kuriozajn detalojn ni nun pli precize klopodos priskribi.

Estas certe, ke, se Ravaillac ne estus mortiginta Henriko'n la IVan neniu procesdokumento de Ravaillac estus kuŝinta ĉe la registrejo de la Juĝejo ; do, ne estus ekzistintaj brulegistoj devigataj, pro manko de pli bona rimedo, bruligi la registrejon por bruligi la dokumentojn kaj bruligadi la Juĝejon por bruligadi la registrejon ; konsekvence, ne estus okazinta la brulego de 1618. La malnova Juĝejo estus ankoraŭ tie staranta, kun sia malnova grandsalono ; mi povus diri al la leganto : Iru kaj vidu ; kaj ni povus eviti al ni ambaŭ la neceson por mi fari, kaj por li legi iaspecan priskribon. — Tio pruvas tiun novan veraĵon : ke la grandaj okazaĵoj havas neprikalkuleblajn sekvojn.

Vere estas, ke estas certe eble, unue, ke Ravaillac ne estus havinta kunkulpulojn, due, ke se hazarde li tiajn havis, tiuj ĉi ne estis miksitaj en la brulego de 1618. Ekzistas ankoraŭ du aliaj klarigoj. Unue, la granda fajra stelo, unu futon larĝa, unu ulnon alta, kiu falis, kiel oni scias, de la ĉielo sur la Juĝejon, la 7an de Marto post noktmezo. Due, la kvarverso de Theophile :

Tago estis de konfuzo :  
De l' Diin' en Jurpalaco  
Forbruliĝis la palato  
Pro stulteca spic-trouzo !

Kion ajn oni pensu pri tiu ĉi triobla klarigo politika, fizika, poeta, de la brulego de la Justecpalaco en 1618, la fakto malfeliĉe certa, estas la brulego mem. Postrestas nur malmulte hodiaŭ

dank' al tiu ruinego, dank' precipe al la diversaj sinsekvintaj restoracioj, kiuj plene ruinigis tion, kion ĝi estis ankoraŭ ŝparinta ; tiel restas nur malmulte de tiu unua restadejo de la reĝoj de Francujo, de tiu palaco pli aĝa ol la Louvre-palaco, kaj jam tiel malnova en la tempo de Filipo la Bela, ke oni jam tiam en ĝi serĉis la postsignojn de la belegaj konstruaĵoj starigitaj de la reĝo Roberto kaj priskribitaj de Helgaldus. Preskaŭ ĉio malaperis. Kie estas la ĉambro de la kanselario, en kiu Sankta Ludoviko plenumis sian edziĝkunigon ? kie, la ĝardeno en kiu li ĵuĝadis « vestita per kamlota tuniko, per plenlana surjupo sen manikoj kaj per surmantelo de nigra silko, kuŝinta sur tapiŝoj kun Joinville » ? Kie estas la ĉambro de la Imperiestro Sigismondo ? tiu de Karolo la IVa ? tiu de Johano sen Bieno ? Kie estas la ŝtuparo de sur kiu Karolo la IVa proklamis sian pardondekreton ? la pavimŝtono sur kiu Marcelo buĉis, en ĉeesto de la heredprinco, Roberto'n de Klermonto kaj la marŝalon de Burgundio ? la fenestreto, kie estis disŝiritaj la bulloj de la kontraŭpapo Benedikto kaj de kie reforiris tiuj, kiuj ilin alportis, moke ĥormantelitaj kaj mitroportantaj kaj petante publike pardonon en tuta Parizo ? kaj la grandsalono, kun sia orumaĵo, sia lazuro, siaj ogivoj, siaj statuoj, siaj kolonoj, sia grandega volbo tute distranĉita per skulptaĵoj ? kaj la orumita ĉambro ? kaj la ŝtona leono kiu staris ĉe la pordo, kun klinigita kapo kaj la vosto inter la kruroj, kiel la leonoj de la trono de Salomono, en la humileca sintenado kiu konvenas al la forto antaŭ la justeco ? kaj la belaj pordoj ? kaj la belaj vitraĵoj ? kaj la ĉizelitaj feraĵoj, kiuj senkuraĝigis Biscornette'on ? kaj la delikataj lignaĵoj de Du Hancy ?... Kion faris la tempo, kion faris la homoj per tiuj juveloj ? Kion oni kompence donis al ni, por tiu tuta gaŭla historio, por ĉio tio gotikarta ? la pezajn arkaĵojn duonplatajn de S-ro de Brosse, jen laŭ arta vidpunkto ; kaj rilate al la historio, ni havas la babilemajn memoraĵojn de la granda kolono, kiu ankoraŭ resonas pro la babiladoj de la Patrusoj.

Ne estas multe. — Ni reiru en la veran grandsalonon de la vera malnova Juĝejo.

*(Daŭrigota.)* Trad. Maur. JAUMOTTE.

# La Lazura Marbordo

## (MONAKO KAJ MONTE-KARLO).

*(Sekvo)*

En la Kazino de Monte-Karlo mi ĉeestis du teatrain prezentadojn kaj koncertojn. La lukso de la Kazino ne estas priskribebla. Ĉiuj belegaj ĉambrĉgoj, la promenejo (atrium), la koncertejo, la ludsalonoj, k.t.p., krom la riĉeco de lignaĵoj, tapetoj, lustroj, seĝoj, estas ornamitaj per belaj grandvaloraj murpentraĵoj. La tuta Kazino estas kvazaŭ magipalaco.

Dufoje mi vizitis la ludejon, tute sola : mi estis jam en Monako de dekdu tagoj, kiam mia kuzo proponis al mi min tien konduki. Mi plezure akceptis, ĉar mi deziris ne forlasi la princlandon, ne provinte unufoje mian ŝancon. Mia kuzo havigis al mi enirkarton, valorantan dum unu semajno. Post konkurso de aŭtomobiloj, kiun unue ni vidis sur la bela placo antaŭ la Kazino, li foriris, ĉar al la loĝantoj de Monako la ludo ne estas permesata. Kaj mi restis sola. Iom tremanta, mi eniris la ludejon. Mi haltis ĉe ĉiuj verdaj tabloj, tiun agemon, tiun ĵetadon kaj kolektadon de moneroj kun nekredebla rapideco ; mi aŭdis tiun metalsonon, kaj la voĉon de la ludoficisto, kiu vokis laŭvice : « Sinjoroj, faru viajn ludojn », kaj « Sinjoroj, la ludo estas farita ». Sed pri la tuta agado de la ludo mi nenion komprenis, kaj mi forlasis la Kazinon ne ludinte. Hejme mi petis kelkajn klarigojn, kaj la sekvintan tagon, je l'antaŭvespero, mi decidinte reiris la ludejon. Mi lokiĝis ĉe unu el la tabloj, apud la oficisto ; dum kelkaj minutoj mi observis la ludadon kaj tuj, tremante, kvazaŭ mi estus faronta krimon, mi metis mian kvinfrankmoneron, la plej malgrandan enmetaĵon, sur la ruĝan kvadraton en la verda tapiŝo.

Estis la ruĝa koloro, kiu gajnis, mia kotizaĵo duobliĝis mi deprenis miajn du monerojn, kaj kun mia gajno de kvin frankoj, mi forkuris el la ludejo kvazaŭ mi estus vidinta la diablon. Mi revenis hejmen, kiam oni ankoraŭ ne atendis min ; mi estis spireganta, kaj malpacienca, por anonci mian triumfon kaj mian energion nur esti ludinta unufoje spite mia gajno.

La ludo estas duspeca ; la « Radeto » (Roulette) kaj la « Tridek kaj kvardek » (Trente et Quarante). Ĉe la tabloj de la « radeto » la ludoficisto turnas radon kun ruĝaj kaj nigraj, paraj kaj malparaj numeroj kaj sur la verda tapiŝo troviĝas multaj intermiksaĵoj de tiuj nombroj. La plej malgranda estas kvin frankoj. Por la « Tridek » kaj « kvardek » oni nur ludas per ormoneroj ; kaj la ludo estas farata per ludkartoj, kiujn ĵetas la oficisto. Ambaŭ estas do simplaj hazard-ludoj, por kiuj kono, sperto ne valoras. Oni nur bezonas kompreni la agadon, kaj... maltimi. Maljunaj virinoj tie sidas de la malfermo ĝis la fermo de la ludejo, ĉirkaŭ la verda tablo, antaŭ siaj amasigitaj moneroj. Ili ludas kvazaŭ maŝine ; la ludo fariĝis por ili necesego ; ili ne povas forlasi ĝin ; ili perdas aŭ gajnas grandajn sumojn dum nenia fibro en iliaj vizaĝoj perfidas ilian animstaton. Tamen oni diras, ke nemalofte okazas tie scenoj de vera malesperego. Granda parto da tiu mono restas en la Banko de la ludejo, kaj plenigas la Ŝtatkason ; en Monako nenia imposto estas postulata de la loĝantoj.

Nun ni forlasu la ludejon por ĝui vidaĵon pli ĝojigantan. Ĉe la Paska posttagmezo, dum belega somera vetero, mi ĉeestis en la ĝardenoj de la Kazino admirindan florbatalon. Multegaj veturiloj ĉarme florornamitaj, tie lukse kaj arte konkuris ; el la veturiloj, bele vestitaj virinoj ĵetis florojn al la ĉirkaŭantaj estradoj, de kie oni kuraĝe reatakis. Estis artoplena, delikata vidaĵo.

Mi nur aldonos pri la princlando Monako, ke ĝi estas ankoraŭ pli malgranda, ol oni verŝajne imagas. Supre sur la monto staras francaj fortikaĵoj : la Turbie kun la Aŭgustturo estas franca ; ankaŭ Riviera Palaco aŭ Supera Monte-Karlo estas en Francujo ; la Martena promontoro (cap Martin) kiu antaŭiĝas en la maron post Monte-Karlo, estas ankaŭ en Francujo ; la monto sekvanta estas jam en Ital-

ujo ; inter tiuj du promontoretoj kuŝas la franca urbo Menton. Tre malgranda estas do la Monaka princlando.

Inter Condamine kaj Monte-Karlo etendiĝas pentrinda montfendo, la valeto de Ste-Dévote, je kies enirejo staras preĝejo. En Monte-Karlo la preĝejo de Sankta Karlo estas citinda. La kolombpafejo estas granda duonronda herbejo, ĉe l'maro, malsupre de la kazinoterasoj.

Ĉe la subaĵo de « Tête de Chien », sur la montflanko ; kuŝas la bela tombejo, kaj iom supre, oni ĵus malfermis vastan komfortan malsanulejon.

De Monako ni faris belajn ekskursojn al multaj ĉirkaŭantaj lokoj. Ni vizitis la urbojn Nice kaj Menton, la pentrindan antikvan vilaĝeton Roquebrune, la interesan urbeton San-Remo, kaj la limurbeton Ventemiglio; kaj sur la monto supre de Monako, la francan vilaĝon Turbie kun antikva romana Aŭgustturo.

Tiu sonĝo, en kiu mi vivis dum tri semajnoj, malfeliĉe ne povis pli longe daŭri. Dekkvin tagojn mi estis en Monako. La momento de la foriro estis alveninta. Kia malĝojo. Niaj parencoj nin tiel kore estis akceptintaj. Ĉu ni ankoraŭ revidos ilin ? Kaj tiu rava belega regiono, ĉu mi iam al ĝi revenos ? La disiro estis vere ĉagrena, des pli multe, ke mi estis faronta tute sola la longan revojaĝon. Mia frato estis jam for al Italujo, kiu estis por li la arta celo de lia vojaĝo. Nu, mi forlasis la belan Monakon, la 10-an de Aprilo, je la 10-a vespero por veturi, nokte ĝis Lyon, ĉar tiu estis la plej rapida vagonaro. Estis la momento de la foriroj en Suda Francujo, la vagonaro estis plenega, kaj la tutan longan nokton mi malgaje, pensadis, en mia mallarĝa loketo, kie apenaŭ estis eble movi miajn brakojn...

Ses tagojn poste ni estis ree en mia hejmo. Certe mi ĝojegis revidi mian familion ; sed miaj pensoj estis ankoraŭ tie malproksime en la bela Monako, en St-Florentin (ĉe aliaj parencoj), kaj en tiom multe da lokoj. La unuajn tagojn mi estis tute senkuraĝa pro la forflugo de tiu bela sonĝo ; sed io restis al mi, kion oni ne povis forrabi, io, kio diris al mi, ke mi ne faris sonĝon, ke mi vidis reale tiujn ĉarmajn regionojn. Estis la memorado, kaj neesprimebla feliĉeco povi ilin revidi per tiu forto de l'memoro. Mi ne plu estis, tie, sed tio, kion mi vidis, restis en mi.

Ĉu mi iom sukcesis doni pri ĝi ne tro malklaran ideon ? S-ino ELWORTHY-POSENAER.

## ATENTU

**La redakcio tre ŝatus ricevi senpage la malnovajn numerojn 83 kaj 84 de " Belga Esperantisto ". Ĉu vi bezonas ilin?**

## Grava sukceso por Esperanto !

Niaj bruselaj amikoj sukcesis instigi la komitaton de la ĵus malfermita mondekspozicio en Bruselo, uzi Esperanton.

La Komitato ĵus eldonis Esperantan prospekton peteblan de : *Universala Ekspozicio de Bruselo, 51, Avenue des Arts, Bruselo.*

# BELGA KRONIKO

### Grupa Kalendaro

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo " La Verda Stelo ".** — Kunvenejo « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France : ĉiusabate je 20 h.: leciono de la perfektiga kurso; je 21 h.: kunsido laŭ indikita programo.

La 4an de Majo : Diplomdisdono al la lernintoj de S-roj Vermuyten kaj Sielens.

La 5an : Ĝenerala Jarkunsido de B.E.I.

La 11an : « Gezoden Worst »vespero (bolitaj kolbasoj).

La 18an : Parolado de S-ro W. De Schutter pri « Victor Hugo ».

La 19an : Ekskurso al Sta Mariaburgo.

La 25an : Kartludvespero (sen premioj!).

BRUĜO. — **Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo:**

GRAVA SCIIGO : La kutima kunvenejo « Oud Brugge » estante provizore ne plu disponebla, oni bonvolu atenti pri la ĉi-sube indikataj lokoj de la estontaj kunvenoj (ĉiumarde 20 h.). Grupanoj estas troveblaj ĉiumarde ĉe la biblioteko, je la 19 h. 30.

La 7-an de Majo : en la sidejo « Gouden Hoorn — Cornet d'Or : a) Kantvespero, sub gvidado de S-ino Ch. Poupeye kaj de F-ino A. Boereboom ; b) Dancado, sub gvidado de S-ro P. De Vooght.

La 14-an : en Kafejo « Vlissinghe», Bleekersstraat, 2 : Kabareda Vespero, organizata de F-ino Y. Hubrecht kaj S-ro Jef Decoster.

La 21-an kaj la 28a-n : en « Muntpaleis » : Provludado kaj kantado.

AALST-ALOST. — **Sekcio de B.L.E.** — Kunvenejo « Burgershuis », Granda Placo. Ĉiuĵaŭde, je 20 h. 30.

BRUSELO. — **"Esperantista Brusela Grupo".** — Kunvenejo : « Brasserie du Sac », Granda Placo, 4, ĉiulunde je la 20.30a h.

GENTO. — « **Genta Grupo Esperantista** » — Kunvenejo en la lernejo Nova strato Sankta Petro N° 45 ; ĉiumerkrede je la 7ª vespere.

LIEĜO. — « **Societo Lieĝa por la Propagando de Esperanto** ».

CHENEE : ĉiulunde, je 7-a horo : perfektiga kunveno ĉe F-ino Baiwir, rue des Grands Prés, 72.

SCLESSIN : ekzerciga kunveno ĵaŭdon 2-an de majo je 7.30 h. en Kafejo Dechesne, rue Ernest Solvay, 1.

LIEĜO : en « Hôtel du Phare», place Maréchal Foch, (oni eniru laŭvole tra kafejo aŭ tra kukvendejo), ĵaŭdon 9-an de Majo ; je 8-a horo kunveno de la komitato de SLPE (Tagordo : preparo de la kursfinaj ekzamenoj kaj de la venontaj kursoj, organizo de ekskursoj) ; je 8-a horo : ĉiumonata perfektiga kunveno de la lieĝa grupo.

### Grupaj Raportoj

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo " La Verda Stelo ".** — Dum la monato de Aprilo la infanoj estis invititaj al du gajaj festetoj. La membraro aŭdis belan koncerton

gramofonan en la magazeno de G-roj Faes kaj manĝis mitulojn en « Ruĝa Ĉapelo ».

**BRUĜO. — " Bruĝa Grupo Esperantista ", Reĝa Societo.** — La kunveno de la 26-a de marto estis tute dediĉata al la preparo de la festo organizita por la dimanĉo 31-a. Tiu intima festo de la Teatra Sekcio, okazis la diritan tagon, je la 17-a, en la salonego de la grupa sidejo. Tre multnombra publiko ĝin ĉeestis, kaj inter aliaj, samideanoj el Gento, Ostendo, Roeselare, Iseghem, Middelkerke, S-ro Edgard De Coster el Antverpeno kaj eĉ S-ro Maurice Dewaele, el Wattrelos-Dunkerque (Fr.). La festo plej bone disvolviĝis laŭprograme, kaj tiel, post ĥore kantita « Espero », estis aplaŭdataj: la juna Sinjoreto Jozef Campe, pro bonega deklamado, kaj F-ino Alice Boereboom pro sentoplena kaj plej agrabla kantado. Tiam sekvis surprizo: estas la juna Fraŭlineto Monique De Vooght, kiu ĝin prezentis, dancante sur la tute florumita scenejo, plej gracian « Printempan Dancon », per kiu ĝi akiris triumfan sukceson. Post tio, estis la plej grava numero: la unua ludado — do kreado! — de « Nubetoj », unuakta komedio de Lucette Faes-Janssens. Tiu simpatia aŭtorino per siaj teatraĵetoj akiris jam enviindan famon, kaj ŝia lasta verko certe pligrandigos ĝin; ĉar ĝi estas bone konstruita kaj vivo- kaj spritoplena. La Teatra Sekcio de la Bruĝa Grupo ĝin prezentis kun granda zorgo. F-inoj Thooris, Hubrecht kaj Leibbrand, S-roj Jef Decoster kaj Dotselaere plej fidele bildigis la ĉefrolojn, dum S-ino Stroobant, F-inoj Volckaert kaj Mestdagh, S-roj de Bel kaj Jehansart, meritplene kompletigis la artistaron.

Post la longaj aplaŭdoj, kiuj salutis la finiĝon de la teatraĵo, S-ro Ch. Poupeye, reĝisoro, supreniris la scenejon kun belega florgarbo, kiun li nome de la aŭtorino kaj de S-ro Faes prezentis al la sindonema Prezidantino F-ino Y. Thooris, dum floroj estis proponataj al ĉiuj aliaj ludantinoj. Li ankaŭ laŭtlegis telegramon de senkulpiĝo kaj bondeziroj flanke de la pro malsano malhelpata Honora Prezidanto S-ro Sylvain Dervaux kaj de S-ino Dervaux. Tiam alproksimiĝis la juna S-ro Jozef Campe kiu, nome de ĉiuj grupanoj, esprimis ilian tutkoran simpation al ilia amata Prezidantino kaj transdonis al ŝi plian floran korbeton, dum entuziasma aplaŭdado de la ĉeestantaro. Post tio komenciĝis la balo. S-ro P. De Vooght, la lerta baldirektoro, organizis kelkajn amuzajn kotiljonojn kaj, pro ĝenerala peto, lia aminda filineto Monique reprezentis sian sukcesplenan dancnumeron. La balo plie daŭris en plej gaja atmosfero ĝis la 2-a.

La 2-an de Aprilo la laŭprograma kantvespero ne povis okazi pro nedisponebleco de la sideja salonego, kaj la gemembroj kunvenis en la kafejo « Vlissinghe » ĉe S-ano Jehansart, kie ili pasigis agrable la **vesperon.**

La 9-an, okazis en la kunvenejo « Oud Brugge », plian lecionon de la supera kurso, sekvata de amuza portretludado.

La grupo ricevis la 16-an de aprilo duan viziton de Ges-roj A. Humez el Douai. Je ilia honoro, okazis, je la 19-a, en la sidejo, vespermanĝo ĉeestata de kelkaj gemembroj, kaj je la 20-a multnombraj grupanoj kunvenis en la granda salonego, por aŭdi la paroladon de S-ro A. Humez, Del. U.E.A. el Douai kaj Prezidanto de la Nord-Franca Federacio, pri tiu temo: « Promenado ĉirkaŭ la manĝotablo ». La simpatia paroladisto pritraktis tiun temon laŭ plej spritoplena kaj eĉ apetitdona maniero, kaj varma aplaŭdado rekompencis lin. F-ino Thooris esprimis al li la dankon de la Bruĝa Grupo kaj transdonis al la Gesinjoroj artan puntaĵon kiel memoraĵon, dum S-ro Groverman proponis al S-ino Humez beletan florkorbeton. Monkolekto estis farata profite de la starigo de tombmonumento al la karmemora Alfred Trottin, la formortinta tiel meritplena Esp-o paroladisto ĉe la Radio Stacio de Lille. La vespero finiĝis per agrabla dancado.

Ni notu krom tio, ke ĉiuvendrede je la 19.30-a okazis en la sidejo leciono de la perfektiga kurso, sub gvidado de F-ino Thooris, sekvata je la 20.30-a de dancleciono direktata de S-ro P. De Vooght.

**LIEĜO. — Societo Lieĝa por la Propagando de Esperanto.** — En Lieĝo, la grupaj kunvenoj estis sukcese reorganizitaj. La 14-an de Marto, la kunsido estis gvidata de S-ro Leroy, kiu majstre faris superan instruon pri gramatikaĵoj kaj estigis specialan praktikan ekzercadon nome per Delmas-bildoj. La 11-an, S-ro Magotteaux, kiu prezidis, ankaŭ lerte daŭrigis la restudon de gramatikaj ĉapitroj, direktis tre interesan legadon kaj fine solvigis kelkajn amuzajn problemojn. Resume, la afero nun ree bone funkcias en la Arda Civito kaj kuraĝigas al plua laborado.

En Sclessin, la kunvenoj daŭras ankaŭ agrable sukcesi. Dum la lasta de 4-a Aprilo, la membroj tre interesiĝis je solvo de diversaj enigmoj kaj de lingvaj malfacilaĵoj, kaj finis la vesperon, kiel kutime, per tre viva kartludado.

En Chênée, la ĉiulundaj kunsidoj same bone okazas laŭ simila programo.

## Gratuloj.

Al nia direktoro S-ro Maur. Jaumotte, kiu iĝis redakcisekretario de la ĵurnalo « De Nieuwe Gazet » kaj de nun havas la tutan ĉiutagan gvidadon de tiu ĉi organo, kiu jam ofte faris grandajn servojn al nia movado.

(*Noto de la Direktoro:* Mi dankas la bonvolemajn amikojn, kiuj ensendis rekte al la presejo tiun ĉi gratulesprimon. Samaj gratuloj tamen ankaŭ iru al S-ro W. De Schutter, kiu iĝis vic-sekretario kaj kiu, plej grandparte, helpis al la kreo de la Esp.-atmosfero en tiu redaktejo.)

— Al nia bona samideaneto Leono Schoofs, kiu rapide resaniĝis de apendicit-operacio.

Al Ges-roj A. Verbeke-Herreweghe, kaj al Ges-roj E. Verbeke-Deman, estroj de « Gouden Hoorn — Cornet d'Or », sidejo de la Bruĝa Grupo, pro naskiĝo de filineto kaj nepineto: Gabrielle, 22-3-35.

## Kodolencoj.

— Al la Familio Brunin-Schoofs kaj al S-ino Schoofs-Van den Putte pro la morto de S-ino Brunin, fratino de nia gvidinto Frans Schoofs kaj de pli ol dudek jaroj membrino de « La Verda Stelo ».

PROFESOROJ: kaptu la okazon de la Bruĝa kongreso por akiri vian diplomon.

## BIBLIOGRAFIO

### Duope ricevitajn verkojn ni recenzas, unuope ricevitajn ni nur mencias.

SVEDA ANTOLOGIO. — Vol. 2. — Redaktis: SAM. *JANSSON, BJARNE BECKMAN, ARNE LENNER. — Eld.: Eldona Societo Esperanto, Stockholm. Bindita, 15×23, prezo: 4 kr.*

Antaŭ kelkaj semajnoj ni skribis ke estis nia sincera deziro « ke la sekvonta volumo estos inda konkursi kun la unua ». Ni tuj povas diri ke nia deziro plenumiĝis brile.

La dua volumo, kiu feliĉe ne estas la lasta, estas same bele

eldonita kiel la unua. Eĉ ni trovis en ĝi belan, tutpaĝan art-ilustraĵon.

La verko enhavas fragmentojn de dek kvar aliaj verkistoj, do entute la unua parto de la antologio (2 vol.) pritraktas la 21 plej gravajn Svedajn verkistojn de antaŭ la milito. Same kiel en la unua volumo, la ĉefa parto estas dediĉita al la prozo; bela, fortika prozo kiu tutspeciale devas interesi la Flandrojn, ĝi estas de la sama strukturo kiel ilia kaj la sveda kaj flandra lingvoj ja estas « parencoj ».

Tial ankaŭ, ni insiste rekomendas la « SVEDA'n ANTOLOGIO'n » al ĉiuj niaj legantoj.

### *Rimarko.*

*Pro manko de loko, ni tie ĉi nur mallonge citas, ke dum la Pentekostaj tagoj okazos kongreso de la francaj samideanoj en Arras; ke en Antverpeno mortis, pro aŭtomobil-akcidento, Prof. Swagers, iama kungvidinto de la Belga movado kaj, ke ni prokrastigas, ĝis sekvanta numero, nekrologan rubrikon kaj kelkajn aliajn informojn.*



Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Willemsstrato, 21, ANTVERPENO.